I.ª JARO N.º 1 — DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO — 1 NOVEMBRO 1936

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO K ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## GENEZO DE MONSTRA PERFIDO

La monarkio en Hispanio estis iu tipa specimeno de feŭda reĝimo. Mizero k lukso, en kontrasto, estis blazono hontiga sub krono de reĝo frivola.

En aprilo de la jaro 1931.ª dum historia dato, la hispana popolo eniris en demokratan stadion per proklamo de la respubliko. Tiu renverso mirinde okazis sen elverŝo de eĉ unu guto da sango, en mezo de bruo tre ĝoja de kantoj k himnoj. Dum kelkaj tagoj, kun naiva entuziasmo k flirto kaprica de flagoj, la popolo estis mastro absoluta de stratoj k placoj. Tamen nek ia bloveto ekvekis la dormon de polvo centjara kuŝanta sur muroj imponaj de altaj palacoj k vantaj preĝejoj.

Anstataŭ ekzemplo de digno k eduko, tio ŝajnis, por la reakcio, kvazaŭ pruvo de stulto. Malaperis la timo, komencis la provoko, ekfunkciis la sabotado kontraŭ la respubliko, sistemo, kiu naskiĝis sub la signo de paco k harmonio. En la densa ombro de la samaj katedraloj k palacoj, respektataj de l' popolo, svarmis la susuroj pri abomenaj konspiroj de emfazaj nobeloj, riĉaj malsatigantoj, fieraj generaloj k dikaj episkopoj, kiuj miksis, en sankta alianco, la efikon de la mono, la sabro k la kruco, dum parlamento laŭ nova stilo prilaboris vigle modelan demokratan konstitucion.

En Aŭgusto 1932. la faŝismo montras sian bekon. Ribelis, kun aliaj, generalo Sanjurjo. En la horo de la puno, oni pardonis la vivon, ankoraŭfoje! de ĉiuj kulpuloj. Kiel danko de friponoj, daŭris la manovroj en ĉiuj branĉoj de la ekonomio. Pluvadis mensogoj, floris la demagogio por akrigi la diferencojn inter la diversaj tavoloj de l' popolo. La semado donis siajn fruktojn en la parlamenta balotado dum novembro 1933. kio estis vera batalo jam inter ruĝo k blanko. La popola flanko, pro disiĝo, akiris multajn voĉojn sed malmultajn deputitojn, dum la reakcia flanko, pro unueco, atingis malmultajn voĉojn sed multajn deputitojn. Jen eble do miraklo!

Preskaŭ unu jaron ankoraŭ bezonis la reakcio por prepari la kapton de la ŝtato kun ioma ŝajno de normalo. Oktobro 1934! per si mem parolas tiu monato ĉar tiam, unuan fojon, la hispana popolo efektivigis la tekstojn de siaj himnoj per glora ribelo, havanta altan kulminon en la montoj de Asturio, je defendo de la libero kontraŭ la malrespublikana registaro de la respubliko.

Post tri semajnoj la reakcio povis venki nur laŭŝajne, per potencegaj rimedoj, ĉar viva flamo atendis avide horon k formon, en la koro de ĉiu honesta hispano.

Blovis ŝtormo tra Hispanio: detruo de leĝoj, sistema persekutado, rigora cenzuro, fermo de sindikatoj, financa diboĉado k danco de malpuraj negocoj...

En malfeliĉo oni lernas k neeble ja estis ne lerni profiti momenton kiam, pro videbla korupto, oni kunvokis por nova parlamento. Partioj k organizoj el proletaro k etburĝaro lerte algrupiĝis, kvazaŭ grajnoj de granato, en vasta organo politika nomata Popola Fronto prezentante al la ĝenerala opinio klaran programon kiel standardon de siaj devizoj k postuloj aprobendaj okaze de balota triumfo.

La 16. februaro de kuranta jaro, la hispana popolo, malgraŭ ĉiaj baroj, esprimis sian deziron aranĝi mem siajn proprajn aferojn. Granda sukceso! Kvankam provizore oni ŝtopis per balotiloj la faŭkojn de la hispana faŝismo, kiu perdinta la esperon pri venko laŭleĝa, tuj post la fiasko, interkonsentis kun sia internacia kolego, kiu ankaŭ suferis vundojn pro la batoj de hispanaj popolfrontanoj.

En punkto decida, kvin monatojn poste, ekflamaĉas la monstra ribelo de generaloj perfidaj, kiuj serve al fremdaj interesoj, prononcante blasfeme la nomon de Hispanio por trudi sklavecon, senbridigis la terurojn de kruela civila milito por dronigi, en riveroj de sango, la rajtojn modestajn de bona popolo, kiu en tempo favora fluigis nek sangon nek larmojn k nun senhezite oferas la vivon por ke sia lando ne estu bastiono faŝista kontraŭ la digno aŭ kulturo de iu ajn alia nacio de la mondo.

## Verda Kurteno

Linio de fajro dividas abrupte, je du partoj ekstremaj, la amplekson de nia lando. Dum bleke parolas kanonoj, vomante detruon k morton, laŭ senkompata konkuro inter libero k abomeno, nenio honesta, nenio pura povas resti neŭtrala antaŭ tiel kruda dilemo.

Esperanto, nia lingvo bela, instrumento genia por homa progreso, ne povas ne helpi la vicojn popolajn per la forto morala de sia signifo aŭ per la efiko praktika de sia tutmonda retaro.

Tial do ni, proletaj esperantistoj, idoj de sana popolo, post ne tro longa medito, decidis, kun juna humoro, mobilizi ankaŭ nian lingvon, kiel voĉon de alta idealo, por diskonigi, en samideanaj rondoj, la helajn konturojn de nia lukto, la firmajn trajtojn de aroga epopeo verkita per sango, ŝaŭmanta pro nobla kolero, de tuta la lando hispana.

Esperanto, elektinte sian lokon apud la humiligitoj kontraŭ la humiligantoj, ne nur plenumas decan rolon, sed ankaŭ per tio ĝi inaŭguras ebenan ŝoseon tra la smeraldaj kampoj de la ĉarma Hispanio, sub la protekto de ĉies respekto k ĉies estimo.

Post la venko, esperanto estos grava faktoro en la popola kulturo!

Sed unue, nun mem, nur unu celon ni havas: venki la faŝismon, gajni la militon! K estos ornamo ĝentila, de tiu nia arda sopiro, pro nia k via laboro, povi aŭdi iam, k eble tre baldaŭ, la dolĉan resonon de iu ajna voĉo diranta: «Se venkis la justo en monstra milito, tio ankaŭ ja okazis eĉ dank' al esperanto».

La ruĝo de flama pasio kun la verdo de persista espero, tiom nia!, estos certe la emblemo de via fakta internacia solidaro; de la frata kunhelpo de tiuj, kiel vi, celantaj transformi la mondon je unu granda rondo familia.

Al ĉiuj esperanto-organizoj, proletaj aŭ liberalaj, nian kolegan saluton!

Nia alpaŝo bezonas sugestojn, nia afero meritas subtenon. Laborante anonime atendas ni dume rikolton.

La trunko fortika de nia verda movado burĝonos printempe nur se la radikoj ricevas la sukon fluidan, en spongeca grundo, de ĉiu amiko portanta kun digno la verdan stelon sur jako.

Se nia voko ne trovas resonon. Se via respondo, anstataŭ ol vibri, silentas, tiam certe la trunko sekiĝos, pro manko de nutro, k venos kruela hakilo kiu teren faligos, kun bruo ĝemanta, la arbon de nia iluzio.

# La hispana virino en la fajro de la civila milito

La batalo kontraŭ la faŝistema milit-ribelo malfermis la vojon al la hispana demokrata revolucio. Revolucio, kiu mirigas la mondon pro la fervoro k kuraĝo de la hispana popolo k montras la mirindan kapablon de la hispana virino, kiu per la sama delikateco mastrumas la hejmon ol mortas sur la strato kun pafilo en la mano.

La faŝistemaj generaloj, kiuj per la perfida ribelo intencis kateni la popolon, atingis per tio la plenan liberiĝon de la hispanino, kiu, dum ĉi tiuj historiaj tagoj okupis postenon apud la viro.

Mi vidis tra la montoj de Aragono unu el ĉi tiuj virinoj kun siaj tri malgrandaj infanoj survoje al Barbastro. La edzo estas murdita, la hejmo k la vilaĝo, bruligitaj. El la tuta mizera havaĵo nur ŝi povis konservi la lanan korpokovrilon, ladkruĉeton k malmolan panpecon por la etuloj. Ĉe la vesperiĝo ŝi alvenos en la urbon, kie aliaj virinoj, tiel malgajaj k senkonsolaj kiel ŝi, akceptos la kamparanan vidvinon k lavos k nutros ŝiajn infanojn, kiuj tuj poste ekludos sur la strato kun aliaj knabetoj, nesciante la teruran tragedion, kiu ĉirkaŭas ĉiujn. Dume, ili, la virinoj, kies edzoj ankaŭ foriris al la fronto, eliros al la ŝoseo kun siaj kruĉoj plenaj de akvo aŭ vino k donos trinkon al la preterpasantaj soldatoj k milicanoj, kiuj, per grandaj ŝarĝaŭtomobiloj estas transportataj al la batalkampoj.

Ok virinoj alvenis al Lérida la 13-an de Septembro. Ili sukcesis forkuri el Sierra kaj el Luna. Kiam la faŝistoj okupis ĉi tiujn urbetojn la knabinoj estis malvirgigataj k al iliaj patrinoj oni senharigis la kapon. Nur tiuj ok virinoj povis eskapi post tiu turmento. Konate ja estas, ke la plej ŝatata ornamo por la hispanino estas la hararo.

«Ni ne deziris tion, sed la faŝistoj faris de ni soldatojn k kiel tiaj ni luktos ĝis la haro ree kovros nian dorson».

En la montaro de Guadarrama mi parolis kun la junulino Konĉita, el Toledo. Ŝia fianĉo falis sub la fajro de la maŝinpafiloj. Ŝi venis k petis armilon. Preni k celi kontraŭ la malamikon la maŝinpafilon, kiu mortigis sian amaton, tio estas nun ŝia tuta ambicio.

En la 5ª Regimento de la Popolaj Milicoj, kamaradino Juanita, gvidas la komplikan servon de la provizumado k respondas kun mirinda precizeco milojn da demandoj k petoj.

Lina Odena (*), Aurora Arnáiz, bravaj komjunulinoj, kun siaj bluaj bluzoj k la pistolo ĉe la gracia zono, komandas konsiderindajn kolonojn k organizadas milojn k milojn da gejunuloj por defendo de la libero.

Viktoria Kent, fervora respublikanino, plene sin dediĉas al la organizado de porinfanaj gardejoj, vartejoj k kuracejoj k ankaŭ al la provizado de lakto k ludiloj por la infanoj, kies gepatroj falis aŭ luktas ankoraŭ en la fronto.

Plena de energio, Maria Karrasco, laboristino en la aerodromo de Kuatro Vientos, ŝmiras per oleo la maŝinojn laborante la tutan tagon inter motoroj, k ne permesante la foriron de unu sola aviadisto sen ekzameni ŝi antaŭe ĉiujn ŝraŭbojn de la aviadilo.

La konata kantistino Estrellita Kastro sonigas siajn trilojn tra la batalkampoj inter la muskolaj servantoj de la peza artilerio.

Maria Teresa León, talenta verkistino, ridetema elsaltas de nia aŭtomobilo sur la ŝoseo de Talavera k kun ŝercoj k petoj haltigas la gigantajn kamparanojn, kiuj pro manko de kutimo, forkuras frenezigitaj antaŭ la aeratako de la aviacio k revenigas ilin al la fajrolinio.

Dolores Ibarruri, kiu, el la mizeraj domaĉoj de la ministoj, kie ŝi naskiĝis, sin levas potenca k gvidas ĉi tiun popolamasan batalegon.

Marina Ginestá, la malgranda katalunino, mia ĝentila sekretariino, filino de tajloro en Barcelono. La 19. de Julio, tre kune kun ŝiaj frato k fianĉo, ŝi prenis la fusilon k sin direktis al la barikadoj de la placo de Kolumbo. La fianĉon mortigis kvar kugloj ĉe la ventro. La frato foriris al Zaragozo. Marina okupiĝis poste kiel skribmaŝinistino en la Stabo de la fronto. Ofte ŝi sidas ĉe angulo, kontraŭ la muro k kiam mi ŝin alparolas ŝi respondas jene:

«Al vi, kiu estas rusa kamarado, mi povas paroli sincere: ni ĉiuj estas tre sentimentalaj. Granda malhelpo! Ni estas treege sentimentalaj!...

Ĉio ĉi estas la hispana virino, kiu, dum ĉi tiu grava horo de popola lukto montris sian veran karakteron.

La nobelaro k pastraro hispanaj prikantis al ni dum jarcentoj «la virton k belecon de la hispanino»; sed, mi povas certigi, ke ĝis nun ni ne konis la veran k aŭtentan hispanan virinon. Same kiel ni povis koni nun la nobelojn k junkrojn, kiuj donis pruvojn pri sia kavalireco turmentante la edzinojn de la kontraŭfaŝistojn, murdante ilin per ŝtonĵetoj sur la publikaj placoj de la vilaĝoj. Kompatindaj virinoj, kiuj faladis kun la infanoj en la brakoj!

En Puente Genil, en la provinco de Kordovo, la katolikaj faŝistoj post la kutima malvirgigo al la virinoj, enigadis siajn bajonetojn en iliajn brustojn k ĵetadis la disŝiritajn korpojn en la riveron.

En la Alkázar de Toledo, ĉi tiuj kaviliroj lokigis sur la altaj etaĝoj de la fortikaĵo la kaptitajn virinojn por ke iliaj korpoj taŭgus kiel parapeto kontraŭ la obusoj...

Sed, malgraŭ la multaj suferadoj, la hispana virino—patrino, edzino, fratino, fianĉino—alvenos al la finvenko, al la vivo nobla k feliĉa. Ĉi tie oni estas plene konvinkita pri tio; k kiam oni serĉas certigon al tio, ĉies okuloj turniĝas sur la vivon heroan k gloran de la soveta virino. Pro tio, miloj k miloj da okuloj elradiis pro fiero k ĝojo en la kunvenoj de la antifaŝistaj virinoj kiam alvenis la sciigo pri la helpo, la unua virina helpo el fremdlando, tiu de la laboristinoj el Moskvo, el la lando de l' Sovetoj!

M. KOLTSOF

(*) Heroe mortigita, post la verkado de ĉi tiu artikolo, sur la fronto de Granada.

**► La hispana popolo preferas morti stare ol vivi genuflekse! ◄**

# Trafaj vortoj de la Nacia Prezidanto

Per ĝustaj k precizaj vortoj, S-ro. Azaña estas difininta trafe la veran signifon de la hispana tragedio. Li, dum intervjuo kun ĵurnalisto, deklaris.

«Ne temas ĉi tie nur pri enlanda malakordo. En ĉi tiu ŝajna intercivitana milito estas en diskuto, krom la libero de la hispana popolo, la ekvilibro de la fortoj en la Mediteraneo, la kontrolo de la markolo Gibraltar, la utiligo de niaj militŝipaj bazoj en la Atlantiko k ankaŭ tiu de l' krudaĵoj abundaj en la subgrundo hispana.

Jen la kaptaĵo, kiun oni pridisputos en la daŭro de la unua akto de ĉi tiu nova granda milito.»

En mallongaj vortoj, jen estas la tuta graveco de la lukto sangopleniganta Hispanion. Ĝi ne estas ja milito inter du grupoj de hispanoj. Ĝi estas drameca batalo inter la hispana popolo k grupo de perfidaj generaloj, sinvendintaj al la oro de la faŝista imperialismo. En la venonta mondmilito—kiun la pacema volo de la grandaj eŭropaj Demoratioj povos apenaŭ prokrastigi kelkajn monatojn, sed ne malebligi ĝin—la malamikoj de la libero bezonas la partoprenon de Hispanio; ili bezonas disponi pri ĝiaj mineralaj k agrikulturaj produktoj, k ili—super ĉio—bezonas ĝiajn bonegajn aerŝipajn k militŝipajn bazojn, superregantaj la Mediteraneon, povantaj esti utiligataj kiel apogpunktoj por definitivaj agadoj kontraŭ Anglio k Francio.

Se la hispanaj faŝistoj batalus izolaj; se malantaŭ ili ne starus helpante ilin per homoj, armiloj k mono, kelkaj fremdaj potencoj, jam de antaŭ longe la popolo estus venkinta la ribelon. Sed malantaŭ Mola k Franco —ilin gvdante pli ol ilin helpante— staras la eŭropaj imperialismoj. La faŝismo ĝuste taksis la valoron de la superregado en Hispanio por la sanga batalo, kiun ĝi baldaŭ senkatenigos. La faŝismo do, klopodas k penas subpremi la hispanan popolon, ĉar ĝi estas certa pri tio, ke «Madrido—laŭ esprimo de Andreo Malraux—estas la plej rekta vojo por alveni Parizon.»

En la hispana lukto, oni diskutas la sorton de l' mondo. Venkinte la faŝismo en nia lando, Francio, ĉirkaŭita en ĉiuj landlimoj, ne malfruus fali sub la germana *nazi*-ismo. Sovetio, Britio k la malgranda Alianeo ne plu povus rezisti. Bedaŭrinde, nek Francio nek Anglio ŝajnas kompreni la danĝeron, kiu ŝvebas super ili. La timo provoki la neeviteblan katastrofon, ŝanceligas ilin, kiel en la kazo de Abisenio. Tempo perdiĝas en senfinaj paroladoj. Intertempe, la faŝistaj staboj intense agadas. Nur Sovetio komprenis la veran gravecon de ĉi tiu momento. La aliaj landoj ne volas konvinkiĝi, ke ĉiu cedo estas nova instigo por la faŝistaj potencoj.

Primeditu k decidu rapide la eŭropaj Demokratioj, la sekvendan vojon; ili ne ignoru, ke se la hispana popolo estus venkita, la proksima viktimo de la internacia faŝismo estus Francio.

---

KOMENTARIOJ

# AL ĈIUJ

Kiu vere k sincere sentas esperantismon, kiu studis nian lingvon ne nur pro scivolo aŭ distro, kiu venis al esperantismo serĉante ilon por homa interkompreniĝo, kiu celas al la plirapidigo de la evolua progreso de la homaro, kiu celas iel ajn al plej perfekta sociordo, tiu rajtas vere sin nomi «esperantisto», k konsekvence estas devigata taksi ĝuste la gravecon de la homa digno k de la libero.

Nur malmulte da esperantistoj sin kredas tiaj, malgraŭ ke ili nur uzas esperanton kiel ilon por amuzo, por kolekti diversaj aĵojn, por utiligi esperantajn servojn okaze de vojaĝo, k. t. p., sed ili ne antaŭenpuŝas esperantismon, nek progreson.

La plimulto da esperantistoj estas pioniroj de la IDEALO, k ili venis, pli aŭ malpli konscie, al niaj vicoj, por sin meti je la servo de la progreso de la homaro.

Tial ni supozas ke la esperantistoj havas ĝustan koncepton pri la homa digno kaj libero.

Ĉiuj luktoj de la homoj okazis ĉirkaŭ tiuj esencoj de la vivo; ĉe la kerno de ĉiuj historiaj bataloj staris grava peno por konservo aŭ por akiro de libero aŭ homa digno.

Nia hodiaŭa batalo ne povas malhavi tian entenon k la esperantistoj ne rajtas ignori tian aspekton de la lukto.

Kiel diris fama kunbatalantino, «ni hispanoj, preferas morti starantaj ol vivi surgenue». Ni starigis tute pace novan demokratian reĝimon; la Respubliko; per ĝi ni akiris pliperfektigon de niaj homaj rajtoj. Poste, la Popola Fronto atingis per baloto gravegan plimulton da deputitoj k konsekvence elektis demokratian registaron.

Sed la reakciaj fortoj de la lando, la granda kapitalismo k la eklezio, helpataj de la profesiaj militistoj, havas specialan koncepton pri la homa digno, kaj preferis uzi perforton; ili ribeliĝis celante trudi al ni sian kapricon. Tiaj uloj tute ne akceptas demokratajn decidojn, se ili ne estas favoraj al siaj privataj interesoj; ili ne rezignas siajn privilegiojn k defendas ilin per la armiloj de la popolo, perfidante la solenan ĵuron pri fidelo al la Respubliko. Tia estas ilia koncepto pri la homa digno.

Post la starigo de la respublika reĝimo aperis en nia lando la libero kiu forestis dum la antaŭaj jaroj, la diktatorecaj jaroj, kiam ĉiuj liberoj estis malpermesataj; k la reakciuloj profitis tiun liberon por la preparado k organizado de la nuna atako kontraŭ la libero. Se ili venkus, jam ne plu estus libero en nia lando.

Pro la nunaj politikaj cirkonstancoj de la mondo, precipe de Eŭropo, pro la helpo kiun la ribelintoj ricevis kaj ricevas de la faŝistaj landoj, k pro la aktuala situacio de la lukto inter faŝismo k demokratio, nia batalo ne estas privata afero k ĝiaj konsekvencoj trafos ĉiujn. La rezulto de nia milito nepre kuntrenos ĉiujn, ĉu al sklaveca reĝimo, ĉu al libera demokratio.

Jen kial ĉiuj esperantistoj, ĉiuj veraj k sinceraj esperantistoj, ĉar ili estas dignaj homoj, devas subteni la hispanan popolan fronton. Ni estas certaj ke antaŭ dilemo, faŝismo au demokratio, la esperantistoj tuj decidos kion fari; kaj kun energio, rapideco k batalemo partoprenos en la nuna batalo por ĉies digno k libero, sendante moralan k materian helpon kiu permesos atingi, kiel eble plej baldaŭ, la definitivan venkon, kiun ni bezonas je la servo de l' Homaro.

---

**Nia tasko estas via**

# EKZEMPLO

Antaŭ ol komenci la atakon al la urbo Oviedo, oni disĵetis per aviadiloj, proklamojn el kiuj ni eltiras fragmenton:

«**Al la loĝantaro.**

Via hodiaŭa tragedio estas la sama ol tiu de aliaj urboj de Hispanio, sangoplena pro la frenezo de armeanoj ambiciaj k senkoraj. La malgaja spektaklo de via doloro estas ĝusta vidaĵo pri la estonto, kiu atendus vin se la militista faŝismo venkus. Tiu okaze, ne plu ekzistus trankvilo fruktodona por la subpremata hispana popolo. Pli kruela milito sekvus tiun ĉi. La sangavideco de la militismo neniam sin sentas sata.

Ni, la milicanoj de la lojala armeo venas savi vin k viajn filojn. La venko de la Registaro de la Respubliko estas triumfo de la Paco k de la socia Justo k nur sub ĝia regado vi vidos foriĝi la terura fantomo de la milito.

Timu nenion de la Armeo de Asturio. Ni estas ja viaj propraj fratoj, kiuj venas savi vin de la militista jugo. La soldatoj trompitaj, la gvardistoj falintaj en malesperon, ĉiuj vi, humilaj klasoj k oficiroj, vendantaj vian sangon, perfide ekspluatataj pro iu falsa kredemo, revenu al via tradicia lojaleco. Vin vokas Hispanio per la lasta patrineca krio. Via sango estas ties larmoj. Aŭskultu ĝin k kiam vi malesperos, fidu al ĝi k venu al la vicoj de ĝiaj lojaluloj, ĉiam malfermitaj por la sinceraj pentantoj».

* * *

Tiamaniere agas la marksistoj k iliaj kunbatalantoj. Kiam vi aŭdos aŭ legos pri la kruelaĵoj de la «ruĝuloj», vi ja povos dece respondi, ke per tiuj kalumnioj la faŝistoj celas vuali siajn abomenindajn krimojn.

# SOVETIO!

Ektremoj de ĉiuj malavarecoj en unu sola; sankta fervoro proletara; potenco timinda kaj nekomparebla; vibrado senĉesa de ĉiuj la nervoj antifaŝistaj; forĝejo de Justeco, fandejo de Egaleco: SOVETIO! Ni vin salutas, patrio de la tutmonda proletaro! Pro via honesta agado! Ni vin salutas kun koro tremanta! Hispanio vin salutas, kabano kamparana, hejmo civitana de l' lando proleta, kiuj kunvivas niajn horojn dramecajn! Ni vin salutas, Soveta Unio, kies bruston vi malfermas al la, de l' faŝistoj, sieĝataj landoj. Soveta Unio kies profunda doloro estas la doloro de Hispanio, kies larmoj estas la larmoj de la tutmonda laboristaro, kiu hodiaŭ tremas pro sankta kolero, pro sankta indigno, pro sankta malamo...

Sovetio, al vi kiu konis, kiel ni, ĉiujn frapojn, ĉiujn turmentojn de la caraj jaroj, al vi ni esperas, al vi ni rigardas, k al vi ni sendas avide k varme nian plej koran saluton!!



**En la mondon venis nova sento**
**Tra la mondo iras forta voko**
**Per flugiloj de facila vento**
**Nun de loko flugu ĝi al loko.**

# ZIGZAGO

Tuj post la komenco de l' milito, la faŝistoj kreis grandegan k konstantan blufon, per kiu invadis la tutan mondon kun ridindaj k malveraj sciigoj.

La faŝistaj radiostacioj poluras ĉiutage la plej strangajn mensogojn. Tre ofte iu ajn basa voĉo misuzas la radion per disaŭdigo de stultaj minacoj k cinikaj insultoj.

En ĉi tiu rubriko aperos skizaj komentoj pri diversaj nuancoj el tiuj informaĉoj.

—

Iu radiostacio anoncas ke ni faras specialan eldonon de niaj gazetoj por sendi al ĉiu fronto la eldonon kiu montras sukcesojn ĉe la aliaj frontoj.

Kaj oni batalas per pli ol dudek diversaj frontoj!

Tial ne estas senlaboruloj ĉi tie!

—

La Balearaj Insuloj, Maljorko k Ibizo, estas regataj de la itala grafo Rossi k tie estas aeroplanoj, soldatoj k militŝipoj italaj.

La italaj k hispanaj faŝistoj kunlaboras gaje k amike.

Ne vortoj sed faktoj valoras!

—

Radio Tenerife anoncas ke la urbo San Sebastiano havas nun la duonon da enloĝantoj ol antaŭ la komenco de la ribelo.

Male ĉe la urboj, kiuj ne atingis la feliĉon esti regataj de la faŝistoj, duobliĝis la nombro da enloĝantoj.

Kuraĝiga fakto! La faŝismo vere allogas la popolon!



**TUTMONDA SAMIDEANARO!**

**Nia venko estas garantio de via libero k paco. Starigu do tuj en via urbo Esperanto-komitaton de amikoj de popola Hispanio! Sciigu nin pri via plano k laboro!**

**GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA**
**Mar, n.º 25—VALENCIA (Hispanio)**

**Esperanto estas nun paca batalilo por la justo k libero**

# Postgvardia Fronto

Se la batalfrontoj havas intereson dum la lukto kiu furiozas sur la hispana tereno jam de antaŭ tri monatoj, ne malpli da gravo havas la laboroj kiujn oni efektivigas en la malantaŭgvardio; laboroj, kiuj celas atingi la plejon da bonstato, tiom morala kiom materia, por la kamaradoj kiuj luktas kun armiloj kontraŭ la faŝismo.

En la vilaĝoj, kie pro ilia malproksimeco, oni ne ekaŭdas la resonegon de la kanonoj, nek la senĉesan pafadon de la mitraliloj k de la pafiloj, oni laboras febre por provizi la Popolan Armeon. La generalaĉa ribelo surprizis la proletaron dum laboro, k tamen, la popolo per sia ĝusta koncepto de la grando k daŭro de la civilmilito, kapablis, en la unuaj momentoj, plenumi la devon de aranĝoj pure militaj, kiaj estas Intendantaro k Sanistaro, al kiuj la armeo, kie ne ribelinta tute malordigita, ne povis plenumi la zorgojn, kiujn oni ordonis al ĝi. Jam forpasintaj la unuaj momentoj de surprizo, ĉiuj demokrataj partioj grupiĝis por kune solvi aferojn tiel necesaj k neprokrasteblaj kiel la provizumado al la diversaj batalfrontoj. Spontanee oni estas kreinta karavanojn de ŝarĝaŭtomobiloj ĉiutage serpentumantaj tra larĝaj vojoj por la transporto de l' nepre necesaj varoj por niaj kuraĝaj proletoj k soldatoj. Kaj tio ne estas ĉio, ankaŭ estas disponigitaj multnombraj ŝarĝaŭtomobiloj por ambulancaj apotekoj, vunditejoj, k vetursalonoj por kirurgintervenoj, ĉu lokitaj sur aŭtomobiloj aŭ sur vagonoj, kio permesas la kooperadon de tiuj sanigaj branĉoj sur la sama batalfronto, kun la celo ke la plej danĝere vunditaj kamaradoj ricevu kiel eble plej rapide la plej efikan zorgon.

Rapida transformiĝo spertis la industrio; dum kelkaj tagoj ĝi alkonformiĝis al la bezonoj de ĉi tiuj momentoj, k la teksfabrikoj laboras senripoze por alprovizi krudajn varojn al la larĝaj kudrolaborejoj, kie oni pretigas vestaĵojn por niaj batalantoj. Same la metalindustrio transformiĝis, laŭ ebloj, en milit-industrio k oni laboras febre por la fabrikado de bomboj, mitralo, kugloj k ceteraj militiloj.

Tiu estas la materia aspekto de la postgvardia laboro, ĉar estas alia kiu permesas, ke la moralo de niaj soldatoj ne ŝanceliĝu nek unu momenton. Tiuj, loĝantaj kiel ni en la orienta flanko de nia duoninsulo, povas aserti kun kiom da amo la ĉi-tiea popolanaro akceptis la rifuĝintajn proletojn, kiuj forlasis siajn domojn detruitajn sub la monstraj piedegoj de la hordoj de l' faŝismo. Miloj k miloj da infanoj, virinoj k maljunuloj venis en la orientajn regionojn, kie ili trovis novajn domon k amon flanke de la loĝantaro, per kio ili forgesas parton de la malfeliĉoj okazintaj ĝis sia alveno al la lojalaj provincoj.

Estas familioj kiuj suferis sian forkuron piede k kun la premo de malsato k soifo; ili marŝis nokte pro la timo fali sub la premon de l' faŝisma kruelego. Multaj el ili estas perdintaj la edzojn, la patrojn... kaj iliaj domoj estas ĝisfundamente detruitaj, nur pro tio, ke ili estas respublikanoj aŭ socialdemokratoj.

Popolo, kiu ribelas armite kontraŭ la mortiga faŝismo pretendanta rabi ĝian liberon k kiu ĉiutage skribas heroecajn epopeojn ne povas esti venkita nek sklavigita k marŝas per malrapida sed neŝancela paŝo al la venko.

Gloron por la liberdefendantoj, kiuj falis en kontraŭfaŝisma batalo! Vivu la demokratia Respubliko de Hispanio!

Oktobro 1936.



## HEROA SAMIDEANO

**K-do Julio Mangada, fervora esperantisto, demokrata homo, militisto pacema, dum paco, sed brava kolonelo kiam la libero de l' popolo estis en danĝero. La kolono kiu luktas sub lia komando rikoltis sukcesojn kun signo de gloro. Sur la batalkampo mem la milicanoj aklame elektis lin generalon.**

**Lia figuro estas grava simbolo por ni, esperantistoj, ĉar la nomo de nia lingvo floras ĉe miloj k miloj de lipoj hispanaj konstatinte jam, per lia ekzemplo, ke esperanto ne estas utopio nebula sed karno k histo de suferanta popolo.**

**Sinceran saluton tre flaman al li!**

# Kamarado!

Nia bulteno POPOLA FRONTO, aroganta krio al la tuta mondo, aperas nur je niaj propraj rimedoj. Kuraĝa entreprenemo k arda deziro ke esperanto estu juna heroldo de afero grandioza, instigis nin eldoni la foliojn kiuj nun ricevas la kareson de via rigardo.

Ni ĝojas liveri senpage nian organon al ĉiuj amikoj, kiuj povos, kiel abelo el floro, ĉerpi utilon el ĝia materialo per traduko por amasa legado aŭ aperigo en demokrateca gazetaro.

Tamen ni esperas ankaŭ vian subtenon, per eĉ plej eta alsendo de mono, kiun ni ricevos emocie kiel instigon k aprobon vian al nia laboro. En ĉiu numero ni kvitancos la donacojn. Sendu rapide, tuj!, la poŝtmandatojn laŭ jena adreso.

ANTONIO PONT
Plaza Republica, n.° 2, VALENCIA (Hispanio)

**AŬSKULTU RADIODISSENDOJN DE VALENCIO PRI HISPANA SITUACIO EN ESPERANTO!**

Stacio de Komunista Partio—ondlongo 41,87 metroj—marde k vendrede je la 17ª horo (hispana tiempo)



Stacio de Socialista Partio—ondlondo 41 metroj—lunde k sabate je la 12ª horo (hispana tiempo)

## Manifesto al la legantaro

Kvazaŭ blinde ni elektis la adresojn, el diversaj fontoj, por la alsendo de ĉi tiu unua numero de POPOLA FRONTO. La tasko estis sufiĉe malfacila ĉar temis trovi, en ĉiu urbo kie esperanto vivas, almenaŭ unu amikon, kiu akceptus, kun plaĉo k bona volo, kunlabori en nia entrepreno. Ni sendas, iom hazarde, eĉ al gravaj lokoj nur unu aŭ du ekzemplerojn. Via konscienco devas mezuri do la sekvojn pri konvena aŭ malkonvena uzo, en viaj manoj, de nia bulteno.

Multaj adresoj eble jam kadukiĝis. Tial ni bezonas nepre, ke almenaŭ unu fojon, ĉiu ricevanto de ĉi tiu numero, sendu al ni simplan poŝtkarton sciigante la ricevon kun indiko pri opinio k eblo, rilate laboron, en sindikata, laboreja aŭ ĵurnalista medioj. La nericevo de tiu poŝtkarto signifas malaprobon al nia celo aŭ nedeziron akcepti la duonmonatan viziton de nia gazeto. En tia okazo ni forstrekos vian nomon de nia sliparo. Nepre atentu do ĉi tiun averton.

Al ĉiuj ceteraj, k eĉ pliaj, amikoj plenumantaj tiun kondiĉon akurate ni liveros la gazeton. Via devo estas kunlabore helpi la hispanan popolon disvastigante ĉiel ajn la enhavon de POPOLA FRONTO, ne forgesante ankaŭ pri la fakto, ke la bulteno aperas nur je riskoj de malŝvelinta poŝo de malriĉaj laboristoj. Serioze ni faras al vi sugeston: se ĉiu kara leganto de nia bulteno forsendus al ni, unu fojon, la cendojn, kiujn eble li elspezas por glaso da biero aŭ skatolo da cigaredoj, nia POPOLA FRONTO povus esti aperinta regule, k eĉ ankoraŭ multe pli bele, preskaŭ unu jaron. En ĉiuj grupoj, sekve, devas cirkuladi listoj en tiu senco.

Sendu la monon prefere per bankbiletoj aŭ ĉekoj en valorigita koverto, sed ankaŭ ni akceptos respondkuponojn aŭ poŝtmandatojn!

Sendu gratulsalutojn k la gazetojn aŭ ĵurnalojn kun tradukoj al nia POPOLA FRONTO! tiun materialon ni uzos por daŭra ekspozicio k por informado en urba, regiona aŭ nacia ĵurnalaro. Pruvu ni ĉiuj, ke esperanto estas la plej utila aparato por la modestaj klasoj! Via mono, via laboro, via sindono, via fervoro, samideanoj, kamaradoj el ĉiuj landoj, amikoj sinceraj de Hispanio, estas municio, efika kiel kuglo, en nia batalo pri vivo aŭ morto!

Memoru konstante, en ĉiu momento, dum ripozo aŭ distro, niajn adresojn.

| Por sendi monon | Por ĉio alia |
|---|---|
| ANTONIO PONT | POPOLA FRONTO |
| Plaza Republica, n.° 2 | Mar, n.° 25 |

VALENCIA (HISPANIO)

# MISKOMPRENO

Jen tio, kio karakterizas la konduton de la demokrataj ŝtatoj en Eŭropo, rilate al la batalado de nia popolo kontraŭ la perfidaj armeanoj ribelintaj. Necesas do, ke ni klopodu informi la eksterlandanojn pri la signifo k pri la celo de nia lukto.

Niaj malamikoj sukcesas havigi al si ĉian helpon ĉe la reakcia gazetaro tutmonda. Subaĉetante ĵurnalistojn k ĵurnalojn k eĉ radiostaciojn en la demokrataj landoj,— ĉar en la faŝistaj ili ja povas ŝpari monon,— ili disvastigas mensogojn por misorienti la naivulojn.

La internacia reakciularo posedas reton de iloj metitaj je la dispono de la hispanaj faŝistoj. Eĉ gazetoj kun demokrata karaktero estas posedaĵo de reakciuloj. Tial do, la amasoj ofte estas informataj partiece. Rekte aŭ malrekte, la demokrataj legantoj ĉiam riskas esti trompataj per la ĉiuspecaj rimedoj per kiuj la vero povas esti kaŝata. Per hipokritaj procedoj, lerte uzataj, oni prezentas la faktojn kripligitaj aŭ inversigitaj, ĉar la celo de ĉiu konservemulo, estas ŝajnigi, ke li estas «neŭtrala» raportisto.

Nur la proleta klaso, unuflanke ĉar ĝi posedas k legas sian gazetaron k aliflanke pro instinkto kiam ne disponas je propraj informiloj, bone scias, ke la laboristoj hispanaj estis malfidele atakataj de senhonoraj armeistoj en la servo de la katolika eklezio, kies episkopoj k monaĥestroj posedis fabelajn trezorojn dum la simplaj pastroj en la vilaĝoj malsatis; en la servo de la nobelaro, dekduo da grandbienuloj posedantaj la duonon de la nacia teritorio dum la kamparanoj vivis ekspluatataj kiel en feŭda epoko; en la servo de senskrupulaj negocistoj kies komanditantoj estis la plej koruptaj politikistoj. Mallonge, en la servo de privilegiaj tavoloj k en la servo de siaj propraj privilegioj.

Sed ni dubas ĉu la neproletaj demokratoj bone komprenas nian lukton. Eĉ la plimulto de nia diplomataro perfidis nin k tiu ĉi fakto multe helpis al konfuziĝo de konsciaj homoj k igis ilin dubi pri la praveco de nia revolucio, naskiĝinta el la ribelo.

La internacia faŝismo ludas ĉefan rolon en la nuna milito en Hispanio. La batalo ĉi tie estiĝas inter Faŝismo k Demokratio. Zorge atentu la demokratoj pri la signifo de nia batalado. Se ili restus indiferentaj al finrezulto de nia milito, ne nur ni, hispanoj, bedaŭrus la venkon de la faŝismo.

Ne kredu la malveraĵojn, dissemitaj de certa Presaĵaro, eĉ se ĝi aspektas demokrata. Ne fidu al la informoj de certaj radiodissendoj. En Hispanio ĉiuj kontraŭfaŝistoj batalas kune, de la moderaj respublikanoj duonburĝaj, kun la Prezidanto Azaña, ĝis la anarkistoj, ĉiuj streĉe ligitaj por la sama celo: Venki la faŝismon!

## Lasthora Impreso

La saĝa komprenemo de niaj legantoj devas scii, ke nia bulteno ne povas informi pri freŝaj okazintaĵoj en la frontoj. Tio apartenas al la ĉiutagaj ĵurnaloj, kiujn oni legas ordinare en sia propra urbo. En ĉi tiu rubriko ni faros nur skizan komenton.

La videbla tre fanfarona intenco de la faŝista armeo estas sieĝi Madridon, sprita ĉefurbo, kiu sciante la intencon pretiĝas amasege, kun helpo de ĉiuj aliaj regionoj, respondi adekvate la provokon. La plej malfacila flanko de nia lukto estis, ĝis nun, la manko de taŭga armilaro. Nun jam nia situacio estas alia, dank' al tio la situacio en la frontoj baldaŭ fariĝos pli hela, pli definitiva por nia afero.

## BALBUTO DE NOVA EKONOMIO

En venonta numero ni publikigos interesan artikolon, kun objektiva studo pri ekpruvoj por nova organizado de la ekonomio en Katalunio k Valencio.

## NIA POPOLA LETERUJO

Al kelkaj.—Vi jam vidas, per nia gazeto, la plenumon de viaj deziroj. Ni atendas la sekvojn jam. Nun ek' al la laboro!

Presejo de J. Olmos, Alicante, 55. Valencia